# Konstru-Forumo 14

januaro 2009

Jan Werner; retadreso: <...@...>

**Enkonduke al la 14-a numero**

La jaro 2009 jam pasas kaj ankaŭ Konstru-Forumo envanas la novan jaron. Al ĉiuj kunlaborantoj kaj simpatiantoj mi deziras la jaron prospera korpe kaj anime kaj esperas je nia plua celscia kaj utila agado. En la pasinta jari pleje helpadis al mi la juna kolego Fabien van Mook, regule kontribuadis ankaŭ Bronislav Ĉupin. Đorđe Obradović meritas grandan dankon por la redakto de Jarkolekto de TAKE 2007. Al la kolego Jozefo Halász mi dankas por lia eksterodinara peno vastigi nian betonistan terminaron, al Aleksandro Horváth por la komputila prilaboro de la verko far Miroslav Tůma „La fundamentaj konsideroj de la scienco pri la varmo“. Pierre Grollemund iniciatis nian zorgon pri la ladista metio, kiun ni diskutos nunjare.

Mi petas la membrojn de nia forumo, ke en 2009 ili akurate reagadu je la temoj diskutcele lanĉitaj laŭ la anoncataj datoj. Mi provos teni la dumonatan ritmon de „Ko-Fo“, do la datoj estos: la fino de februaro, aprilo, junio, postferie la fino de oktobro kaj decembro. Libervole povas kontribui simpatiantoj ricevantaj mian Ko-Fo-diskut-leteron. Ĉiuj, ankaŭ eksteraj movadanoj povas sin turni al ni pro konsulto.

Mi konfesas, ke mi volonte kontaktigus nian forumon al leksikografoj, ĉar certe estus utile, ke niaj rekomendoj, kiuj ne estas sobre sciencaj, envenu la ĝeneralajn vortarojn. En pluraj kazoj estus utile trakti kun leksikografoj jam antaŭ fermo de ĉiu konkreta temo. Ĉu vi havas eblon kontakti vortaristojn en via landa Esperanto-movado? Bonvolu demandi ilin, ĉu ili deziras laŭokaze kunlabori, aŭ almenaŭ ricevi la rezultojn de nia agado por eventuala vicigo en novajn vortarojn.

Sciu, ke terminologia laboro ne estas nura „terminfarado“. Ĉu iu el vi deziras studi terminologion? Novembre 2009 okazos en Ĉeĥio terminologia seminario kaj kurso (2009-11-7/14); informojn petu ĉe: <...@...>. Terminologia kvalifiko estas bazita ankaŭ sur bona scio de la teorio pri vortfarado.

Por viaj bondeziroj dankas kaj sincere salutas vin *Jan Werner*

**Kontaktoj**

**Fabien van Mook** informas: Je la 11a de novembro mi invitis s-inon Ginta Uittenbogaard <...@...> al nia rondo. Ŝi respondis pozitive. Poste mi ricevis duan mesaĝon, en kiu ŝi menciis komputilajn problemojn, kiujn ŝi spertis provante legi retpoŝtajn aldonaĵojn (KF-cirkulerojn). Mi esperas ke la problemoj ne daŭros kaj ke ŝi tamen povos kunlabori efektive.

Komence de novembro mi ricevis ekzempleron de la numero 2008/9 de "Informilo de ĈEL", en kiu aperis anonco por partopreni en KoFo. S-ro Shen Chengru aranĝis tion. La 20-an de dec. 2008 li demandis min, kiu redaktos la Jarkolekton 2009. Mi informis lin pri la adreso de R. Bouchet.

Mi invitas vin viziti la retejon de la Konstru-Forumo. En ĝi aperas ne nur la KoFo-cirkuleroj, sed ankaŭ ties aldonaĵoj en pfd-formo: http://www.purl.org/net/kofo/ . Kore salutas, Fabien van Mook

**Đorđe (Djordje) Obradović** salutas vin kaj deziras al vi prosperan kaj sukcesan novan jaron 2009, plenan de ĝojo kaj sano… Ĉi-jare mi kun mia edzino decidis travivi la vintran sezonon en varma Hispanio. Ni luis apartamenton en ĉarma somerumejo Punta Umbría en la sudokcidenta angulo de Hispanio. Por buntigi nian restadon ni vizitis kelkajn apudajn urbojn: Palos de la Frontera kun la monaĥejo la Rabida, Malago, Kordovo, Huelva… WE: Dankon por la bondeziro kaj priskribo de via aktiva hispana agado!

**J. Werner** salutas **Joel Brozovsky** kaj petas lin pri afabla reago je Ko-Fo 14.J.

**J. Werner** informas, ke li nuligis sian retadreson ĉe „tiscali“ kaj kiel la duan retadreson li nove instalis adreson: <...@...> (laŭ la rekomendo de Đ. Obradović).

## Gramatika diskuto al la temo: ĉu *kurta solivo* aŭ *kurtsolivo*?

La dilemo estas, unue, ĉu estas eble kunmeti adjektivan radikon kun ĉefelementa substantivo, due, ĉu la du formoj estas sinonimaj.

Antaŭtempe Rikardo Ŝulco oponis letere al Rüdiger Eichholz*: „Skribi altmontaro estas kaŝa elizio de la adjektiva „-a“. Tiu skribado ne estas ĝeneraligebla. Varmkafo, pintplumo, larĝĉapelo, velkfloro ktp. estas malbonstilaj.“* Mi rezonas al R. Ŝulco.

La finaĵon „-a“, krom la artikola, ne estas permesite elizii. Se oni tamen eliminas ĝin (ne pro elizio) kaj adjektivan radikon ligas al substantivo dekstre, oni ricevas kunmetitan vorton, kiu havas substantivon kiel ĉefelementon kaj maldekstre adjektivan radikon kiel flankelementon. Ekzemplo el la supra citaĵo: alt/montar/o. La kunmetaĵo estas formita nepre ĝuste, ĝi estas eĉ bonstila. En la ĉeĥa lingvo ni havas por ĝi

ekvivalenton *velehory*, en la germana estas *Hochgebirge*. La baza eraro de R. Ŝulco estas lia kredo, ke en la kunmetaĵo la radiko *alt'* (same *varm'*, *larĝ'*) estas adjektivo. Ne! En la kunmetaĵo *alt'* estas eliziita substantivo *alto*. Jen eksplikо:

Laŭ esploroj faritaj de René de Saussure (1908-1914), universitata profesoro en Ĝenevo, en Esperanto validas la teorio pri vortfarado, vortkonstruo kaj reguloj pri vortefiko. La teorion L. L. Zamenhof letere aprobis jam en la jaro 1910 kaj esprimis konvinkon, ke la Akademio akceptos ĝin. Pro longedaŭraj diskutoj ĝi estis de la Akademio oficialigita nur en la jaro 1967. La unua el la reguloj preskribas: **Substantiva ĉefelemento substantivigas la antaŭan flankelementon.**

En nia ekzemplo *altmontaro* la radiko *alt'* prezentas do la substantivon *alto*, ne la adjektivon *alta*. Tio signifas, ke „altmontaro" ne estas identa kun „alta montaro". Simile „varmkafo" ne estas „varma kafo" ktp. Kiel do kompreni la kunmetaĵojn?

La sendube serioza verko *Plena analiza gramatiko de Esperanto* (PAG) en § 291 instruas nin pri analizeblo de la kunmetaĵoj kun substantiva ĉefelemento:

La flankelemento esprimas 1. rilaton aŭ apartenon, kiun oni povas signi per la prepozitivo *de*. Ekzemplo: *varmenergio = energio de varmo* (ne varma energio!) = analizo R[ilato]. Simile: *belkulto* ne estas *bela kulto*, sed *kulto de belo* (kulto, kiu montriĝas per belaj ceremonioj). *Longsalto* ne esprimas kvaliton de salto – longecon –, sed sportan fakon. PAG admonas: La kunmetoj *Bluokulo*, *belknabino*, *bonpatrino* k.s., kiuj deziras montri kvaliton kiel proprecon de iu aŭ io, estas kontraŭaj al la reguloj de la vortkunmeto. Ĉu do estas defendebla *„kurtsolivo"*?

En la afero certan rolon ludas la semantika enhavo. Se ni volas esprimi nur kvaliton – kurtecon – ni devas uzi la duvortan nomon: *kurta solivo*. Se ni konscie esprimas certan specifecon de la solivo, sed primare ne la kurtecon, ni povas prave uzi la kunmetitan formon: *kurtsolivo*. La specifecon estas eble vidi en la orta pozicio de *kurtsolivo* al la ordinaraj solivoj kaj en ĝia stumpeco montriĝanta per fiksiĝo en la unua (kaj la lasta) solivo ĉu helpe de tenonumo, ĉu helpe de specialaj ŝtalaj fiksiloj.

Post la gramatika analizo mi elektas kiel pli ĝustan la terminon „kurtsolivo". *WE*

## Ni solvas termin-vakaĵojn

**La temo 3 – kurta solivo aŭ kurtsolivo en la trabfaka sistemo.** Surbaze de la supra analizo mi preferas la kunmetitan formon Kurtsolivo. Mi esperas, ke vi akceptas ĝin. Kiu havas alian opinion, bonvolu antaŭ fino de februaro 2009 informi min, samtempe prezentu viajn argumentojn.

**La temo 13 – kipado, loka knikado**. Fabien van Mook la temon komentas: Mi dankas al Rémy: mi nun pli klare komprenas, kial „knikflekso" estas maltrafa termino. WE: La temon ni fermas kiel solvitan, ni interkonsentis pri nova formo: **kipi**, **kipado** (netransitiva verbo).

**La temo 14 – bitumo kaj asfalto**. La komunan solvon ni ankoraŭ ne trovis. La afero superas nian kvalifikon, ĝi rilatas pli al la fako ĥemia, materiala kaj parte geologia. Ni konstatis ankaŭ, ke semantika enhavo de la nocioj en la mondo varias. Mi denove studis kelkajn materialojn kaj observis Vikipedion. Iom el la akiritaj informoj mi mi enmetos sube. Krom Fabien, vi la problemon preterlasis. El la mesaĝo de Fabien mi citas:

*Mi tre malmulte scias pri la diversaj naftaj substancoj kaj produktaĵoj, kaj en Vikipedio kaj aliaj fontoj mi ankaŭ ne sukcesis superrigardi pri ili. Tial en KF 13 mi simple proponis pri detaligo/komento de la difinoj en la betonterminaro, ĉar al mi ŝajnas bonaj la tie jam proponitaj terminoj, ankaŭ pro iliaj vortfaradaj simetrioj. Do, se mi devas ion proponi, mi proponas ne ŝanĝi la terminojn en la betonterminaro, nur iom priklarigi ilin.*

Mi akceptas la proponon, mi al nia kolektivo rekomendas lasi la esencon de la koncernaj terminoj (nocioj) en la beton-terminaro kaj nur relabori la difinojn tiel, ke por leganto estu komprenebla la aktuala terminologia svageco, ke la esperanta versio sekvas nocian sistemecon, sed neniel strebas influi la formojn nacilingvajn. – La redifinon mi preparos por la Jarkolekto de TAKE 2009 kaj anticipe mi ĝin konsultos ĉe vi. Nun mi envicigas kelkajn miajn notojn:

En Vikipedio mi trovis la informon: *In British English, the word 'asphalt' refers to a mixture of mineral aggregate and bitumen (or tarmac in common parlance). The word 'tar'* [gudro] *refers to the black viscous material obtained from the destructive distillation of coal and is chemically distinct from bitumen…*

El Vikipedio ĉeĥlingva: Bitumo estas ĝenerala – resuma – nomo por organikaj likvaĵoj, kiuj estas tre viskozaj, nigraj kaj plene solveblaj en karbona disulfido. Asfalto kaj gudro estas la plej oftaj specoj de bitumo. Asfalto estas akirata el nafto kiel reziduo post vakua distilado, ĝi estas plej densa komponanto de nafto kun la plej alta bolpunkto. Gudro estas akirata el organikaj materialoj, kutime el karbo ĉe ties koaksigo… Aliloke: Bitumo estas miksaĵo de solidaj kaj likvaj hidrogenkarbonoj, kiuj formas esencan parton de nafto; ĝi participas ankaŭ en tergaso… Bitumoj estas naturaj kaj sekundaraj. La naturaj bitumoj

estiĝis el putroŝlimoj unue en biologiaj malkombinaj procesoj (bitumenizo), due en procesoj endogenaj, t.e. per efiko de temperaturo kaj premo en la terkrusto. Solidaj bitumoj estas ekzemple asfaltoj (laga, rokaĵa), ozokerito; likva bitumo estas nafto, gasa bitumo estas hidrogenkarbona tergaso… La sekundaraj bitumoj hava similajn proprecojn kaj ĥemian strukturon kiel na naturaj. El la naturaj bitumoj (nafto, karbo) ili estas fabrikataj: nafta asfalto, gudro, mineralaj vaksoj, karbaj bitumoj, hejtgaso el karbo, oleo el bitumaj ardezoj k.a. Ili fabrikiĝas per piroliza malkombinigo kaj polimerigo de la produktoj…

**La temo 15 – debito aŭ spezo**. De vi venis neniu nova koncepto, la kolego Bronislav ripetis sian preferon: flukvanto. Mian opinion mi esprimis pasinfoje. Nun mi ne scias, kiel helpi. Fabien kiel iniciatinto de la problemo estas profesia konstru-fizikisto. Mi instigas lin, ke li en la sendecida situacio mem elektu kaj decidu, ke li apliku la novan terminon en la promesita artikolo por la Jarkolekto de TAKE 2009. Post publikigo de la artikolo ni denove malfermos diskuton pri la problemo. Ni ne malesperu, ni konsciu, ke ne ĉiu el ni scias profundiĝi en la problemon.

**La temo 18 – *Umgebinde-Haus***. Al la nova propopno *luzacia arkozono* sin pozitive esprimis Fabien (*ankaŭ laŭ mi bona eltrovaĵo*) kaj Bronislav (*laŭ mi tre taŭgas la termino luzacia arkozono*). Ankoraŭ pli grava estas mesaĝo de la iniciatinto de la serĉado, d-ro Heinz Hoffmann: *Pri via nova propono "luzacia arkozono" mi tute kontentas. Tia domo do nomiĝus "luzacia arkozona domo". En iu koncerna teksto oni aldonu la adjektivon "luzacia" eventuale nur ĉe la unua mencio.*

Mi dankas al la diskutintoj kaj la temon fermas.

**La temo 20 – ladisto, zinkisto, tubisto**. Al la temo sendis al mi sian opinion nur Fabien, bedaŭrinde. La temon ni do ne povas fermi. Grave estas, ke esprimu sian starpunkton Pierre Grollemund, kiu la diskuton kaŭzis. Do, bonvolu vin esprimi ĉiuj antaŭ la fino de februaro.

La mesaĝo de Fabien:

Mi plu konsideras „zinkiston“ taŭga termino, se en la koncerna metio oni produktas diversajn zinkaĵojn, ne nur por konstruaĵoj (tegmentoj, defluiloj), sed ankaŭ por maŝinoj, instrumentoj, artaĵoj ktp. kaj la zinkaĵoj ne ĉiam estas faritaj el lado… Ĉu s-ro Grollemund povas diri, ĉu mi bone komprenas lin? Se tamen „zinkisto“ en Francio laboras nur pri zinkaj ladoj por tegmentoj kaj defluiloj, mi konsentas kun vi, ke „ladisto“ pli taŭgas por la nomo de la metio.

Mi iom miris ke vi konsideras tubojn „nur akcesoraĵo, kvankam bezonata“. Bona instalado de tuboj aŭ duktoj ja estas pli ol duono de la laboro; do instali tubaron estas ĉefa laboro por instalisto! Krome, multaj malbonaj funkciadoj de instalaĵoj ja rezultas el malbona planado kaj realigado de la tubaro.

Tamen mi vidas la gravan distingon inter tiuj, kiuj laboras pri tuboj endomaj kaj tiuj pri tuboj longdistancaj (eksterdomaj). Mi konsentas, ke por la dua grupo pli indas diri „tubistoj“. Krome, mi sekvas vin pri la divido de instalistoj, pri sanitaro, gaso, hejtado; oni ilin prefere ne nomu tubistoj. „Sanitara, gasa aŭ hejta instalisto“ estas nun laŭ mi pli bonaj nomoj, kiuj indikas la celon de la tuto de la instalaĵo (tuboj + kranoj + kuvoj + aparatoj ktp).

Sed, kio estas „sanitaro“ ekzakte? Ĉu ĝi rilatas nur al forigo de uzita malpura akvo? Ĉu ankaŭ forigo de pluvakvo? Ĉu ankaŭ alkonduko de pura akvo? Necesejoj estas kompreneble parto de sanitaro, sed ĉu ili rilatas nur al perakvaj necesejoj aŭ (laŭ vi) ankaŭ al senakvaj necesejoj (latrinoj ekzemple)?

Mi demandas tion, ĉar mi ne mirus, se ekzistus diferencoj inter diversaj landoj. En PIV 1987 aperas la difino „sanitara (Z), koncernanta la publikan sanon“. Sed la nederlanda difino estas pli-malpli: „*sanitair* = instalaĵo en banĉambro, duŝejo, necesejo, dormoĉambro por la korpa zorgado“ (ĝi do ekskludas instalaĵojn en kuirejoj). Krome, la rilatita termino „*sanitation*“ (en) aŭ „“ (fr) rilatas nur al forigo kaj pritrakto de malpura akvo kaj rubaĵoj (!).

Komento de WE: Mi konsentas, ke 1. zinkisto estas speciala metio, kiu ne estas metio konstrufaka; 2. ladiston ni akceptu laŭ la ekspliko en PIV (*fabrikisto kaj riparisto de ladaj* objektoj; aldone: kun ties muntado); 3. tubisto estas profesiulo, kiu estas okupata ĉe instalado de longdistancaj eksterdomaj tubaj duktoj (rim.: por diversaj celoj kaj el diversa materialo); 4. kvankam endomaj instalaĵoj bezonas ampleksan tubaron (kablaron), ne estas inde nomi la endoman instaliston tubisto, sed ĝuste laŭ koncerna celo de instalaĵoj: instalisto sanitara, plue instalistoj gasa, hejta, elektra, telekomunika, aerteĥnika ktp.; 5. sanitaron ni komprenu plimalpli laŭ PIV: *koncernanta la publikan sanon*, tiu senco grandparte harmonias kun la nederlanda kaj ĉeĥa manieroj de klasado. Mi rekomendas, ke ĝi inkluzivu ankaŭ la neloĝajn domojn (edificojn) kaj ankaŭ la instalaĵojn de kuireja instalaĵo bezonanta akvon kaj defluigon de rubakvo, instaladon de tiuj ekipaĵoj ja faras la samaj metiistoj, estus do nesaĝe ekskludi kuirejajn lavkuvon, mikskranon kaj vazlavilon. Pri via noto, ke en la franca lingvo mankas la samamplesa termino „*installation sanitaire*“, mi dubas (mi petas eksplikon far Pierre!). Krome mi ne konsentas, ke la franca *assainissement* rilatas speciale al forigo de „malpura akvo kaj rubaĵoj“. Kiel la anglaj *redevelopment* (de teritorio), *sanitation*, *clearance*, *reclamation* (de kadukiĝinta kvar-

talo, pejzaĝo), kiel la germanaj *Gesundung*, *Sanierung*, ankaŭ la menciita *assainissement* prezentas kompleksan sanzorgan restrukturigon de certa teritorio, ankaŭ urboparto, ofte inkluzive de forigo de malnovaj domaro kaj infrastrukturo. – En la senco de mia komento mi petas aprobon aŭ malaprobon de la terminoj **ladisto** kaj **instalisto** (specon oni indikas per adjektiva epiteto) kaj **tubisto**.

Plue mi petas vian aprobon de mia koncepto koncerne la terminon **plumbisto** (vidu PIV, la versio 2005, p. 891: *Metiisto, kiu prilaboras plumbon, aparte plumbajn tubojn. Sin. tubisto)*. Mi forte rifuzas la nomon plumbisto en la senco de sanitara instalisto kaj tubisto.

<u>**La temo 23**</u> **–** ***Bollwerk*****,** ***Wimperg*****,** ***Maßwerk***. Detalan studon faris Fabien, jen:

Tio estas interesega temo. Mi ĉerpas el *Verklarend woordenboek van de westerse architectuur* en *bouwhistorie* de E. J. Haslinghuis & J. Janse (Leiden: Primavera Pers, 2001), en kiu aperas tradukvortaro: nl/ en/ fr/ de:

*bolwerk/ bastion, bulwark/ bastion, boulevard/ Bastion, Bollwerk*
*wimberg/ canopy(*), gablet/ gâble, guimberge/ Wimperg, Windberg*
*maaswerk, tracering/ tracery/ arcatures(**), tracé/ Maßwerk*
*hogel/ crocket/ crochet/ Krappe(***), Kriechblume*

Miaj notoj (notoj de Fabien):

(*) Verŝajne "*canopy*" aperas en la angla traduko pro tio, ke foje vimbergo funkcias/aperas kiel alero antaŭ/super pordo aŭ fenestro. "*Windberg*" ja signifas pli-malpli „protekt(ej)o kontraŭ vento“.

(**) Mi supozas ke "*arcatures*" ne estas trafa termino. En Vikipedio oni trovas la francan terminon "*tracerie*". *Maßwerk* estas laŭ mi ornama tru(ar)aĵo (*maas* aŭ *Maß* = maŝo). Por fari ilin oni uzas geometriajn skemojn, ofte per cirkelo, kaj al tiuj desegnaĵoj rilatas rekte la nomoj *tracering/tracery/tracé*. Do, en iuj terminoj oni referencas al la truoj en reto kaj en aliaj referencas al la linioj de la reto.

(***) Kun p en mia fonto. Rim. WE: En miaj fontoj plurfoje Krabbe, unufoje Krappe.

Pri viaj proponoj (Fabien pri la proponoj de WE):

- Ĝustas laŭ mi: *Bollwerk* => bastiono.
- „Vimbergo“ estas laŭ mi bona nomo, almenaŭ provizore. Ĝi ŝajnas al mi pli proksima al la etimologio. Unue, atentu ke ni ne limigas la terminojn al gotiko, kaj ankaŭ ni onte konsideru similaĵojn en tradiciaj arĥitekturoj araba, hinda (?) ktp. Due, mi inklinas nomi vimbergon „gotika alero“, se ĝi vere ŝirmas kontraŭ vento kaj pluvo; aliflanke, se ĝi estas (precipa) ornamaĵo, mi opinias vimbergon pli bona termino.
- „Kroŝeton“ mi ankaŭ rekte akceptas.
- Por „*Maßwerk*“ mi nun opinias, ke „aĵuraĵo“ estas plej bona esperanta termino. Krome indas noti, ke aĵuraĵo apartenas ne nur al gotiko, sed ankaŭ al aliaj stiloj (baroko, arabaj arĥitekturoj ktp). Laŭ mi gravas distingi aĵuraĵon disde lob(ar)o. Se en aĵuraĵo aperas io, kio similas al loboj, jes, mi dirus „loba aĵuraĵo“, plue, se mi vidas ekzemple 5 lobojn: „kvinloba aĵuraĵo“. Se mi vidas cirklojn, kvadratojn, flamojn ktp, mi laŭ ili nomus la aĵuraĵon. Rilataj terminoj en Haslinghuis & Janse:
  *driepas/ trefiol/ trèfle/ Dreiblatt, Dreipaß,*
  *vierpas/ quaterfoil, quatrefoil/ quatre-feuils/ Vierpaß, Vierblatt,*
  *visblaas/ falchion/ flamme, mouchette/ Fischblase.*
  Mi ne kontrolis, ĉu ĉiuj terminoj vere ĝustas. La esperantaj povus esti respektive: trilobo, kvarlobo, flamo.
  Vi mencias „*meneau, remplage*“, kiel francajn terminojn por aĵuraĵo. Sed laŭ miaj vortaroj „*meneau*“ signifas (nur vertikalan foston en fenestro). En Vikipedio (<u>http://fr.wikipedia.org/wiki/Remplage</u>) mi komprenas, ke „*remplage*“ signifas „ŝtona fenestrokadro“.
  Mi ne tuj diras, ke „rozo“ aŭ „rozofenestro“ estus bonaj nomoj por ronda fenestro en gotiko. Mi proponas (provizore) „ronda aĵura fenestro“, kaj pli specife en gotiko: „rada aĵurfenestro“ (*wheel window*), „radia aĵurfenestro“ (*rayonnant window*) kaj „flama aĵurfenestro“ (*flamboyant window*). Vidu respektivajn bildojn je <u>http://en.wikipedia.org/wiki/Rose_window</u>

WE: La taskon pripensis ankaŭ Bronislav Ĉupin kaj li komunikis al mi liajn preferojn: *Wimperg* = gotika frontono; *Maßwerk* = ogiva lobaro; *Krabbe*, resp. *Krappe* = kroŝeto.

Rekapitulaco far WE:

***Bollwerk*** = **bastiono**; decidite.

***Wimperg***. La nomo „gotika frontono“ estas provizora priskriba nomo, sed ni konsciu, ke ĝi ne enhavas la informon pri ornamaj kroŝetoj kaj finialoj, ĝi estas kiu ajn gotika frontono. La nomo do estas por fina solvo nesufiĉa.

Fabien surbaze de la fonto (Haslinghuis & Janse, 2001) inklinas al „vimbergo“, kiu estas parte internacia kaj ankaŭ etimologie travidebla. Mi ne konsideras ĝin alero, kvankam ĝi plurfoje estas proksima al tiu formo. Ĝia celo estas primare ornama, el la vidpunkto de arthistorio ĝi estas elemento de gotika arĥitekturo, frontono kun finialoj kaj kroŝetoj. Per tiu konstato mi nun ne volas ekskludi la terminon por aliaj historiaj arĥitekturoj. Mi akceptas la nomon **vimbergo**. Bonvolu esprimi sian opinion la ceteraj membroj.

***Maßwerk***. La analizo de Fabien gvidis lin al la traduko de J. C. Wells: *tracery*, *lobe* = **aĵuraĵo**. Aĵuraĵo kun aro de aĵuroj (maŝoj) sin prezentas laŭ pluraj specoj (la klasado estas mia provo): flama (fr, en: *flamboyant*, en: *flowing*, cs: *plaménková*, *flamboyantní*); loba (cs: *ažurová*); reta (en: *net*, cs: *síťová*); ventumila (en: *fan*, cs: *vějířová*); geometria (en: *geometrical*, cs: *kroužková*, *lístková*); blinda (en: *blind*, cs: *lichá*). Laŭ la nombro de loboj: triloba, kvarloba, kvinloba. Jen kelkaj ekzemploj:



Koncerne la gotikan rozofenestron: Ni restu ĉe la internacia kaj jam registrita esperanta termino: **rozo** (PIV 2005, p. 990, signifo 3: *Ronda fenestro en preĝejo, kun vitraloj kaj radianta ŝtonpuntaĵo;* plu en DBV far R. Eichholz, bildkomplekso 117, n-ro 23). La ŝtonpuntaĵo (PIV) estas por ni aĵuraĵo, aperanta diverforme (vidu supre mian provon pri klasado). Do nepre ne „ronda aĵura fenestro“, „rada aĵurfenestro“, „radia aĵurfenestro“, „flama aĵurfenestro“. Tio ĉio estas rozoj, roz(o)fenestroj kun diversformaj aĵuraĵoj. Kial enplekti „radon“ anstataŭ „rozo“ nur pro tio, ke angloj nesisteme uzas sinonimojn: *wheel window, rose window, rosette.*

Pri la francaj nomoj *meneau* kaj *remplage* mi trovis (france): *Les baies les plus grandes ont été divisées par un assemblage de pierre appelé „remplage“.* Mi konjektas, ke ŝtona tutaĵo de granda gotika fenestro inkluzive de la kadro kun ogiva lintelo estas „*remplage*“. La supra aĵuraĵo en la franca fonto estas nomata „*les ajours de réseau*“, dum en la suba parto estas „*meneau*“ (ŝtonaj kolonetoj – fostoj) kaj inter ili aperturoj nomataj „*lancettes*“ (lanc-aĵuroj). Tiel mi komprenas la frazon: *Les lancettes: ce sont les jours situés entre les meneaux, elles sont elles-mêmes divisées par les barlotière qui permettent la pose des vitraux.*

Per tio mi do korektas mian ideon pri la franca ekvivalento (en KoFo 13) por la nocio „aĵuraĵo“.

**Nova temo 24 – *sanktusník, sanktusová vížka*** (ĉeĥaj terminoj)**.** S-ro Dohnálek (CZ, Fulnek) bezonas traduki la ĉeĥan terminon *sanktusník* por vikipedia kontribuaĵo. Temas pri: tureto sur tegmenta firsto de kirko (kristana preĝejo), super ĥorejo aŭ super kruciĝo de navoj. En ĝi estas lokita sonorilo, kiun oni sonorigas okaze de sankta meso ĉe t.n. alisubstanciĝo kaj Kristokorpa benado. Ekvivalentoj: en: *spirlet*; fr: *flèche f*; de: *Dachreiter m*, (supre de gablo) *Giebelreiter m*. Spajro, simile la angla *spire* kaj la franca *flèche* esprimas nur pinton. J. C. Wells tradukis ĝin kiel turpinto kaj konusturo. Sed *sanktusník* estas pli ol nura pinto, preskribi ĝian formon kiel konusan estus ankaŭ misgvida paŝo. La difino de spajro en PIV 2005, p. 1065: *Turpinto de kristana preĝejo aŭ katedralo*. La neta „spajro“ ne estas sufiĉa por esprimi la nocion. Ĉu eble: *firstospajro*? Aŭ *sonorilspajro*? Tiel mi komence meditis. Antaŭ nelonge mi ricevis: PC Translator 2007.30 (LangSoft &SOFTEX Software) – www.pctranslator.cz. Ĝi enhavas plurajn aliajn lingvojn inkluzive de Esperanto. Tie mi por „*sanktusník*“ trovis la terminon **sanktusturo**. Mi konsentas kun ĝi kaj petas vin pri via opinio (same kiel en la ceteraj aferoj, antaŭ la fino de februaro).

**Nova temo 25 – Stuko** kaj **puco**. Antaŭ kelkaj semajnoj mi akiris Enciklopedian Vortaron far Ch. Werax (Paris, Hachette, 1910, 250 p.). Tie mi trovis konfirmon de mia longjara agitado kaj persistado, ke „stuko“ ne estas simpla mortera tegaĵo de muroj kaj plafonoj per sabla-kalka-(cementa) mortero, sed pri (citaĵo el Werax): *speco de mortero, **kiu similas la marmoron***; francaj ekvivalentoj: stuko – *stuc*, stuki (kovri per tavolo el stuko – *stucquer*, stukaĵo – *enduit de stuc*, *stucage*. – Mi asertas, ke stuko estas materialo, miksaĵo el marmora pulvoro, ligento (kalko, gipso) kaj event. tre fajna sablo. Stukaĵo estas plastika dekora surfaco pretigita de stukisto, ofte ĝi prezentas riĉan reliefan pritrakton.

Por simpla tegaĵo de masonitaj muroj mi antaŭ jaroj proponis kaj daŭre uzas la nomon „puco“, kiu jam envenis la ĉeĥa-esperantan vortaron de K. Kraft (1998) kaj la *Großes Wörterbuch Deutsch-Esperanto* far E. D. Krause (2007): Putz *m* – puco; puci = apliki pucon sur muro.

Mi petas vian starpunkton koncerne la novan terminon, kiu liberigas la ĝis nun ambiguan kaj netolereble du-signifan terminon stuko.

